# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

https://translate.google.com/

PLENUMITA 09/06/2016 Ducentsepdektria eldono 09/06/2016 SENDITA (unua eldono 20/09/2011)





Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**




**SENDATA AL 305.** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

Estas pli ol **417,000** lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo.
https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online (Ekde la 28a de Majo 2015)

# 126. LA GRAMATIKO DE ESPERANTO



## F a r i v o r t o j n. Ĥ.

Krom ĉe kelkaj afiksoj, ekzistas alia kazo, kie pro natura kaŭzo oni ne sekvas la regulon ke la ĉefelemento situas laste. Tio okazas se la ĉefelemento estas prepozicio, kio cetere okazas nur en Esperanto, ne en la etnaj lingvoj. La tialo de la ŝanĝo de sisekvo estas, ke la plej multaj prepozicioj estas tre mallongaj, ofte nur du aŭ tri literoj. En ĉi tiu kazo la vorto ne plu rekoneblus, kaj Zamenhof solvis la problemon renversante la sisekvon, tiel ke la ĉefelemento, la prepozicio, situas unue. Tiaj kunmetaĵoj estas tamen pure aglutinaj, ĉar la senco estas klara kaj la kaŭzo de la ŝanĝo estas natura. Jen kelkaj ekzemploj: senhejma (= seneco pri hejmo, ne hejmo de seneco); senhejmeco (= eco de seno de hejmo); surmara (= marsura); apudpreĝeja (= preĝejapuda); ĝisfina.

Ili ne samas al alia aglutina kunmetaĵo: surmontiri, kie oni kutime retenas la prepozicion (do ĝi teorie estus "montsuriri").

Daŭrigota. Marcel Leereveld.

## Aĉa vetero ĉe Sidnejo

La vetero estis aĉa. Pluvegis, fortegaj ventoj blovis, inundoj okazis kaj estis multege da damaĝoj al vojoj, domoj arboj, ktp. Ankaŭ kelkaj trajnoj ne povis vojaĝi kaj la pramŝipoj nuligatis pro la danĝero ligi ĝin sekure al la varfo ĉe Manlio. Terura semajnfino, sed Esperanto vokis nin, la nombro da ĉe estantoj iom malgrandiĝis. Sed okazis Esperantaj kunvenoj spite la veteron



**La Manlia Esperanto-Klubo.**

Anoj kunvenas la unuan kaj trian Sabatojn. 10atm

Bavarian Beer Cafe, Manly Wharf; Unu taso da senpaga kafo

La klubo kunvenis Sabaton 4an Junio. Venis Roger, John kaj Steven. Mi kredas ke oni ne povas nuligi reklamitajn kunvenojn. Do mi atendis kaj du aliuloj venis. Kiel kutime la kunveneto estis bona.

Roger Springer

★★★★

# ESPERANTO-DOMO SIDNEJO

**143 Lawson Strato, Redfern.**

Ni kunvenis Dimanĉon 5an Junio. La vetero, se eble, estis eĉ pli aĉa, sed 4 el la estraro venis kaj 3 aliuloj kaj ni ĝuis la kunvenon. Venis Roger, Dmitry, Jano (Ian), John, Mei, Richard kaj Robert.

Roger Springer

★★★★



La vojeto de Manlio al Shelly plaĝo proksima de mia hejmo, post la Ŝtormo.

Roger Springer

## Ĉu "kiel", aŭ ĉu predikativo?



Antaŭ nelonge sperta Esperantistino aŭstralia verkis raporton, en kiu troviĝis la frazo "Mi konsideras ankaŭ ĉi tiun jaron kiel pozitiva".

Decas ke mi klarigu, kial "pozitiva" pozitive estas eraro. La Esp.ino opiniis, malĝuste, ke "pozitiva" devas esti nominativa pro tio, ke ĝi estus predikativo post la gramatika subjekto "Mi (konsideras)".

Oni povas formi ĉi tiajn frazojn en du manieroj, kun nur tre malgranda diferenco de signifonuanco. Ni prenu la jenan ekzemplon:

1) Mi konsideras aŭ juĝas lin honesta aŭ honestulo, kaj

2) Mi konsideras aŭ juĝas lin kiel honestan aŭ kiel honestulon.

En ambaŭ frazoj la vorto "lin" estas (rekta) objekto. Sed en la unua frazo "honesta" kaj "honestulo" estas predikativoj, kaj oni povas aldoni la infinitivon "esti": Mi juĝas lin esti honesta aŭ esti honestulo. Predikativo havas la nominativon, kaj ankaŭ ĉe "esti" uzatas nominativo. Do ankaŭ en "Mi konsideras ĉi tiun jaron (esti) pozitiva (jaro)". La dua nuanco uzas "kiel", kaj laŭ Zamenhof oni traktu "kiel" kiel (oni traktu) subjunkcion; do la frazo estas mallongiĝo de "Mi konsideras aŭ juĝas lin kiel (mi konsideras aŭ juĝas) honestan aŭ honestulon. Alivorte, mi juĝas la honestan lin aŭ la honestulon li. Same: mi konsideras ĉi tiun jaron kiel (mi konsideras) pozitivan (jaron).

Oni kompreneble ne povas kune uzi ambaŭ formojn, tiun kie "pozitiva (jaro)" estas predikativo, kun tiu kun "kiel", en kiu ne troviĝas predikativo, kaj kie "pozitiva (jaro)" estu rekta objekto post "kiel (mi konsideras pozitivan jaron)". Mi sentas, ke la Esp.ino traktis "pozitivan" kiel predikativon simple ĉar ĝi estas adjektivo kaj ŝi forgesis mense aldoni "jaron".

Cetere, la ĉitiea Zamenhof'a formo kun "kiel" estas science malĝusta, ĉar ĉi tie "kiel" ne havas sian ĝustan signifon de "en kiu maniero", sed "kun la eco de" aŭ "havante la econ de", kio funkcie kaj signife estas prepoziciaĵoj kaj do devus esti prepozicio (ekz. "je"). Sed Zamenhof ne deziris specialan necesan prepozicion kaj uzis la eŭropecan formon subjunkcian. Pro tio la veran subjunkcion oni en Esperanto elstarigas per "tiel kiel" aŭ "en la (sama) maniero kiel", kiel en "La filo ĉarpentas tiel kiel lia patro". Marcel Leereveld.

# La Seula UK en 2017




Karaj Geamikoj,

En Koreio oni jam prepariĝas por la Seula UK en 2017. Pri tio aperis libro, bonvolu vidi la informojn rilate al tio http://esperanto.kr/?p=2063

La libro nun aĉeteblas en la libroservo de Hungara Esperanto-Asocio kaj dum la UK ankaŭ en la libroservo de UEA. . Krome oni povas legi la libron ankaŭ sur la venonta retpaĝo:

http://esperantofre.com/mondo/mglibroj.htm

Oni metis informojn pri la libro en ĉi tiujn retpaĝojn:

http://esperantofre.com/edu/lasteap.htm http://esperantofre.com/mondo/mglibroj.htm

En ĉi tiu retpaĝo, la nomo de la libro aperas tuj post la titoloj.
Klaku ĝin, kaj vi vidos malgrandan bildon de la kovrilo.
Klaku la numeron "14" por vidi la tutan kovrilon.
Sur la sama linio de la numero "14", klaku "Legu la libron" por atingi ĉi tiun retpaĝon:

http://esperantofre.com/mondo/mglegu.htm

Do, mi proponas al vi legi la libron se vi interesigxas pri la lando de la 2017-jara UK kaj pri la agado de la korea esperantista komunumo. Amike Gabor Markus



**3ZZZ** La La jarkunveno de la Esperanto-grupo en 3zzz okazis la 3an de la Junio.
La komitato por la venontaj du jaroj estas: kunvokanto: Franciska Toubale,
Vickunvokanto: Laszlo Farkas, Kasisto: Henry Broadbent
Membroj de la komitato: Bernard Heinze, Karlo Egger kaj Svetislav Kanacki
Se vi deziras pripensi pri kio estas tempo , auskultu la elsendon de la 6a de la Junio 2016
La kunvokanto Franciska Toubale

